# PENSEO

N-ro 188

Junio/2007

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 18-a jaro http://www.elerno.net/penseo/penlisto.htm


## Eto

### Knabeco

—laŭ ĉinesko Yijiangnan*
Okaze de Infana Tago

knabeco
la suno ora
prilumas mian koron
kristalan kun favora
la lumo glora

knabeco
ondanta maro
alportas al mi larmojn
pri pasintaj koŝmaro
kaj petol-faro

knabeco
floro aroma
beligas l' ordinaran
vivon kun ĝojo doma
kaj simplo noma

knabeco
nubero blanka
jen min al firmamento
profunda kaj blu-planka
ĉagren-senmanka

knabeco
gajplena rojo
forfluis malproksimen
kun mia plend-malĝojo
fojon post fojo

* Unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo de xa,xa,a (x=senrima).

## Antikvaj Poemoj

### Bai Juyi (772-846)

#### Persikfloroj en Dalin-templo

April' floradon finis jam en la homa mondo,
sed temple persikfloroj ekpompas sur la
monto.
Bedaŭris mi sen-scie: Kien nun la printempo?
Ĉi tien! ekster mia atendo jen respondo.

Tradukis **Guozhu**

### Han Yu (768-824)

#### Fazan' Trafita Sage

En kvieto kampa brulis la ĉasfajr' invade,
fuĝe ĵetis sin fazan' sub agla ĉas-minaco.
Por elmontri la ĉas-lerton militĉef'parade,
forte streĉis arkon ŝajn-atende kun sagaco.
Plimallarĝis preme la sieĝ' de homamaso,
pro surpriz' fazan' elflugis kaj trafita sage.
Ĝi barakte puŝis sin en homojn sen forlaso,
falis teren kun plumar' sangmakulita svage.
Militĉef' ridegis en ĉirkaŭa huraado
pri ĉasaĵo kolora ĉe ĉevalĉara rado.

Tradukis **Vejdo**

### Wang Jian (847-918)

#### Kanzoneto pri Ŝiphaŭlisto

Ve, kiel ŝiphaŭlisto servas mi mizere,
por reĝo trenas ŝipojn ŝvite sur haŭlvojo.
mi tage klopodadas kun malmulta ĝojo,
tranoktas surboate akvbird-maniere.

Mi kontraŭflue penas kun streĉita forto,
ne vidas kie estas la staci' celita.
Noktmeze en vetero pluve neĝ-agita
ordono pelas min al servo kun kohorto.
Kun vest' malseka nokta-froste ĝis la haŭto
kaj pikdolor' neeltenebla je kalkano
ne povas ni elverŝi plendojn al tirano,
laŭpaŝe ĉantas la koleron nur en laŭto.
Mi ne domaĝas mian senvaloran ĥaton
sed ĉiam mi sopiras al gepatra lando.
Mi volas, ke riveroj iĝu kampa grando
ke ni haŭlistoj ne plu priplendu malŝaton.

Tradukis **Vejdo**

## Edz-sopira Roko

Starante sur verdeta monto,
vizaĝe al rivera ondo,
la rok' obstinas por eterne,
vidante lin en vagabondo.
Tra pluv' kaj vento nokte-tage,
ĝi pretas diri ĉe renkonto.

Tradukis **Vejdo**

## Vilaĝo en Pluvo

En pluv' aŭdiĝas kokerik' ĉe ĥatoj je foj-fojo,
tra bambutufoj sub pontet' oblikva fluas rojo.
Por silkraŭpid' prizorg' virinoj voke sin
invitas,
en kort' nur gardenioj staras kun senfara ĝojo.

Tradukis **Vejdo**

# Ĉineske

Vejdo

## Rememoro pri Knabeco

—laŭ ĉinesko Manjianghong*
Omaĝe al Infana Tago 2007

tagoj jaroj
forpasis
rememoro
nur svaga
restas ene.
juna koro
ne konis kaj ĉagrenon
kaj ĝenon. Nur fervoro
por ludo
por petolado
ignoro

al lac' kaj
doloro
fariĝis
motoro
kreiva nuna
nokta horo
adventurplena formis
min spitant' al hororo
plej gravis
senscia mia
esploro

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 11 versoj de 434,344,77,353 kaj 33,33,54,77,353 silaboj respective, laŭ rimaranĝo x,x,a,x,x,a,x,a,x,x,a/x,a,x,a,x, a,x,a,x,x,a (x=senrima)

Lily

## Knabino de Sol-Patrino

—laŭ ĉinesko Guizhixiang*

panj' kruela
enŝlosas min en
spaco ĉela
for de amiko
la miela
ĉu mi severe kulpas
en faro
tagohela
varma kiso
brakumado
ĝu' ĉiela

nur ludo bagatela

mi sentas iom
min amcela
tamen vi persvadis
neribela
ĉu mi nun povus montri
min tiom
nefidela
ĉio estas
nur burĝono
ama bela

kaj raci'
frontas foj-refoje
sen ajn emoci'
al disiĝoj
de sent-apati'
daŭre vin serĉadas
kun rideto
neeble
aperi mi

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 11 versoj de 4,54,64,734,444 / 7,54,64,734,444 silaboj, laŭ rimaranĝo a,x,a,x,a,x,x,a,x,x,a (x=senrima)

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 9 versoj de 335,45,6434 / 3,65,45,6434 silaboj respective, laŭ rimaranĝo xxa,xa,xxxa / a,xa,xa,xxxa (x= senrima)

**Xi Murong**

## Elegi' al Vivo

—laŭ ĉinesko Qinpingyue*

dumvive mi
ne kun emoci'
vin plu vidas, ĉar la
renkontot' ne estas vi

ne aperu vi plu
en mia memorĝu'
sed tiuj ŝanĝiĝoj
vivaj kaj tempflu'

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 4 versoj de 4,5,7,7,6,6,66, laŭ rimaranĝo a,a,a,a,b,b,xb (x = senrima)

## Kial?

—laŭ ĉinesko Shanhuazi*

la plumon ŝlosi plene
mi povas. kial ene
ĉagrenon, amon povas
mi pene

ne povas? kial ĝojo
efemeras fal-svene
kaj bona temp' foriras
senĝene

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 4 versoj de 7,7,73 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xa,xa (x=senrima)

## Ekkompren'en Pluvo

—laŭ ĉinesko Zhuyingtaijin

se pluvon
re pluvo
sekvas en seri'
se ĉagreno
ripetas jen pli
sen ĉes' sen lim' sen fin'
mi volonte
aplombe
kun ekkonsci'

## Hejmveo

—laŭ ĉinesko Yexingchuan*

hejmlanda mia kanto —
jen fluto
de ŝveb-lanto
ĉiam ludas
en lun-nokto
vizi' de hejmlando

verŝajne svagas hanto
nebula
en konstanto
adiaŭa
hejmve'— ĉiam
juniĝa arb-planto

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 6 versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimarangô a,xa,xxa (x = senrima)

tradukis **Sam**

## Komencantino

### Azena Ruzo

—laŭ ĉinesko Wanghaichao*

1.

Salon portis
laŭ rivero
pene la azeno.
Pro peza ŝarĝ'
ĝi enfalis
stumble kun ŝarĝpleno
akven kun ĝeno.
Kiam ĝi rampis
al tereno
seka borda,
eksenton de depreno

je peza ŝarĝteno
ĝi havis (ĉar sal'
je akv-veno
tuj solviĝis).
Do, de tiam,
en porta promeno,
kun granda peno
ĝi ĉiam saltis
sen ajn spleno
en riveron
por malpli peza premo.

2.

Alifoje
ne la salon
ĝi sammaniere
transportadis
sed la spongon.
Marŝis vol-libere
ĝi jen surtere
laŭ riverbordo.
Ĝi mizere
sub pezŝarĝo
iradis netolere.

Do, ĝi tuj prefere
en akvon saltis
sendanĝere
por malpli
da ŝarĝpezo.
Spong' ja sorbis vere
akvon senpere.
Ho ve la pezo
malleĝere
prekaŭ premis
ĝin ĝisteren severe.

* unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 14 versoj de 446,446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj, laŭ rimarangô xxa,xxa,a,xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x = senrima)

(adaptita el *Ezopa Saĝo* de Kalocsay)

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_